# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 03/01/2018 Tricent- kvindekkvina eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate * Pasintaj eldonoj *

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

**Ĝis nun 1,430,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo**



Ekstudis pli ol **1,160,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde la 28a de Majo 2015)

Ekstudis pli ol **273,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde la 26a de Oktobro 2016)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

**N.ro 9 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**




Pasintsemajne ni konstatis, ke la PAG-a divido de la verboj en kvar specojn de verbo, rilate Daŭrajn kaj Rezultajn Verbojn, ne bezonatas se oni strikte obeas la regulojn pri la Tempoj. La esenca diferenco inter ekz. 'memori' kaj 'forgesi' estas, ke pro la signifo la verbo 'forgesi' uzatas plej ofte en la pasinta tempo kaj la verbon 'memori' oni plej ofte uzas en la estanta tempo, sed tute ne ĉiam! Ĉiu parolanto scias tion kaj uzas la ĝustajn tempojn por ĉi tiuj verboj, kvankam plej ofte subkonscie. Ne necesis perdi kvarpaĝan nenecesan dividon inter verboj de rezulto kaj de daŭro k.t.p. Neniu diras 'Mi memoris tion hodiaŭ' nek 'Mi forgesas tion hieraŭ'. Ĉi tiuj kvar paĝoj de la libro donas plurajn ekzemplojn montrantajn nenion, escepte la mallogikajn kompleksajn formojn de la Pasiva Voĉo, pri kiuj mallogikaj formoj mi parolos en la proksimsemajna A.E. *Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno



Niaj kutimaj semajnaj kunvenoj rekomenciĝos en Februaro. *Joanne Johns*






BES kunvenos ĉe la biblioteko en Brizbano : 20.01.18 *Petro Danzer* BES Sekretario



**La 16a Aŭstralia Esperanto-kongreso, Manlio, Sidnejo, 1-7 Januaro, 1968**

# Pasis 50 jaroj. Ĉu vi estis tie?





# P r o m e n o j e n l a ĝ a r d e n o .



**A). ĜARDENAĴOJ**. Nun ke la blankaj kakatuoj foriris antaŭ monato (Tasmanio rajtas teni ilin!), la rozeloj, la ruĝaj kaj verdaj rozeloj, ĉi tie ĉirkaŭflugas. Paro da ili





dufoje tage vizitas nin, ĉar mia kvardekjaraĝa nepino nutras ilin per bonaĵoj, kelkfoje elmane. La blankaj kakatuoj estis pesto, ĉar ili formanĝas ĉiujn kaŝtanojn sur la du arboj, eĉ antaŭ ol ili maturas. Ili, la kakatuoj, verŝajne trovas pesto min, ĉar mi ne plantis pli da kaŝtanarboj. Unun el la arboj mi elfosis el la tereno ekster ies domo; ĝi tial estas sovaĝiĝinta, (kreskinta el semo), kaj ĉiujare havas eble

kvincent nuksojn manĝeblajn sed malgrandajn. La alian mi aĉetis en plantvendejo kaj ĝiaj nuksoj estas duoble pli grandaj, sed nur cento da ili. Antaŭ ol la blankaj kakatuoj elmigris el Centraŭstralio al Viktorio ni rikoltis multajn kaŝtanojn. La arboj momente abunde floras.

Normale en nian ĝardenon venadas merloj kaj majnaoj ("mynahs") kaj kelkfoje paseroj kaj sturnoj. Sed ĉi tiun someron mi ne vidis ilin. La du, "ridantaj jack-azenoj", aŭstralia enlanda speco de alcidoj/alcionoj, plu manĝadas kankretojn ("yabbies") en mia ĝardeno, ĉar ĝi havas multegajn da ili. La du loĝas ĉe ni jam depost multaj jaroj, kaj konas nin. Ili kantas (krias?) je iu ajn parto de la tago. La ĵakarando plu floras, eĉ floregas, sed neniu el la akacioj estas floranta nun.





*M. L*.

**B). LA HOMA RASO**. Estas interesa kaj timiga, kiom ege la homoj, ni, estas kredemaj. Malmultaj bestospecoj estas tiom kredemegaj. Ni ree kaj ree kredadas, pro kredemo, kiam la politikistoj mensogas al ni. Jam dum ducent jaroj ili diradas al ni, ke ju malpli da imposto pagas la kompanioj, des pli da laborpostenoj kreiĝos, kaj ju pli da imposto la laboristoj pagas, des pli la salajroj altiĝos. Nun ankaŭ la Laborpartio mensogas tion dirante ke ruinigi parton de la fama *Federation Square* en Melburno per krimeca detruo de bona konstruaĵo sociutila por konstrui novan konstruaĵon por komerca uzo kreos multajn novajn laborpostenojn (kiuj simple translokiĝos el aliaj lokoj, kiuj do perdos laborpostenojn). Kaj ni kredadas la mensogantajn politikistojn ĉar ni ne kapablas vivi sen kredado al manipulistoj.



Ankaŭ: Ĉu la batalantoj por la islama kalifejo oferus sian vivon per memmortigaj bombatakoj, se oni instruus al ili ke post la morto ne plu estas iu ajn speco de vivo? Se ne, ek!

*M. L*.

**C). GRAMATIKA REAĴO**. Konsideru la sekvantaĵon: "Oni nun operacias la pacienton" = *"They now operate on the patient".* Notu ke okazas nur unu ago, operacii, do logike uzatas nur unu vorto, unu verbo, "operacias" kaj "*operate*". Plu: "La paciento nun operaciatas". Notu ke ĉar okazas nur unu ago, operaciati, logike uzatas en Esperanto nur unu vorto, unu verbo, "operaciatas". Plu: "*The patient is now operated on"*. Notu ke en la angla kaj aliaj lingvoj uzatas por unu ago du vortoj, du verboj, "*is*" kaj "*operated*". Ĉu logika? Ne gravas, ĉar la gramatiko de etnaj lingvoj ne bezonas kaj ne povas esti logika. Sed Esperanto estas internacia lingvo, kaj tial devas esti logika kaj sen esceptoj. Kaj ĝi estas ĉiam tia kiam la naturo ne devigas ĝin fari escepton, kio ne ofte okazas. Notu plu, ke en tiu lasta esprimo la participo "*operated*" indikas nur la pasivecon de la ago kaj neniel la tempon, la estantecon, kiu indikatas de la helpverbo "*is*". Se jes, la participo estus "*present participle*", ĉar la ago okazas nun. Ĉar la participo ĉi tie ne estas "*past participle*" ĝi devas en tiuj kazoj nomiĝi "*passive participle*". En aliaj kazoj, ekz. en "*They have operated on him*", la participo *"operated*" estas "*past participle*", ĉar *"have*" ne indikas la pasintecon. (Ne diru ke ambaŭ vortoj *"have operated"* kune indikas la tempon, ĉar la nura "*they gone last night*" ankaŭ sola komprenatas kiel pasinta tempo.



Bedaŭrinde la etnaj gramatiklibroj ne mencias ĉi tion, car ili ne scias tion. En ĉi tiu kazo la Esperantistoj, aŭ kelkaj el ili, scias la gramatikon de siaj etnaj lingvoj pli bone ol la etnaj lingvistoj. Estus utila se la etnaj lingvistoj, ĉiuj el ili, lernus Esperanton por pli bone kompreni kaj scii siajn etnajn lingvojn. Diru tion al ili! Se "*past participle*", ekz. "*operated*", funkcias kiel "*passive participle*", ĝi devas nomiĝi *PASSIVE PARTICIPLE*", same kiel se la verbo *"(to) work"* funkcias kiel substantivo, la vorto *"(the) work"* nomiĝas substantivo, ne verbo.

*Marcel Leereveld*.

P.S. Mia 354-a art. klarigas la evitindon de la N.-aĵo naskiĝsemajntagripeto.





## La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin. La 6a de Januaro estos la unua sabato. Komencu la jaro 2018 kun la Esperantistoj de Manlio. Ĉiuj estas bonvenaj. Venu



## "Malgrava historieto pri mia vivo" (Bob Felby)

### Ĉapitro 7 Mi reeniras Anglujon kaj fariĝas kokinisto



Ĉar estis tiam tre malfacile akiri luloĝejon, ne nur en Kopenhago, sed en la tuta lando, ni decidis reiri al lando pli homama, kaj ni reiris al Anglujo.

Post tiu decido ni baldaŭ ree troviĝis en Anglujo, mia dua gepatra lando.

Ĉi tiun fojon ni loĝis unue ĉe la onklino de Audrey, kiu loĝis en *Rickmansworth* en *Hertfortshire*. Ĉar mi ne volis labori en malsanulejo, mi eklaboris en kokinejo tie, fakte en *Chorleywood*.

Unue tiu laboro tre plaĉis al mi, ĉar mi povis labori per mia tuta korpo, kaj ne nur ĉirkaŭiri razante seksorganojn de malsanuloj. Mi povis nun miksi kokinmanĝaĵon, purigi plankon kaj kaĝojn de kokinoj. Mi povis kolekti ovojn, kaj ĝui la kunestadon de tiuj malgrandulinoj, kiuj estis devigataj pasigi sian tutan vivon en tiuj tro malgrandaj kaĝoj, ĉar mia nova labordoninto estis tre avara, kaj li ordonis, ke anstataŭ nur unu kokino estu tri en ĉiu kaĝo.

La tuta bienaĉo estis malpurega, kaj neniu laboranto tie havis sufiĉe da bonkoreco por kompati la kokinojn.

Proksimume unu jaron poste, mi decidis ne plu labori por la aĉulo. Mi ŝajnigis min malsana iun tagon, kaj iris norden ĝis la graflando *Leicestershire*, kie alia kokinposedanto dungis min. Fakte la kokinposedanto posedis ne nur grandegan bienon, sed ankaŭ tutan vilaĝon, *Pickwell*.

La postan tagon, kiam mi sciigis la aĉulon pri mia nova laboro, li furiozis. Unue, ĉar mi mensogis al li, kaj due, ĉar ankaŭ li, same kiel la irlandanino, suferis pro rasmalamo. Laŭ li la angloj estas aparta raso, ili ne, kiel ni, membras en la homa raso. Sed li estis inteligenta. Li asertis, ke mi ne restos longe en Kembriĝo, kvankam mi ja diris al li, ke mi iros al graflando *Leicestershire*, kaj ankaŭ, ke eĉ se mi reiros al mia hejmlando, Nederlando, oni ne plu akceptos

min. Tiom pri lia scio pri geografio ! Laŭ mia opinio Danlando kaj Nederlando estas du iomete malsamaj landoj. Tie parolatas du malsamaj lingvoj, kvankam parencaj. Mi forlasis la aĉulon !

Mia nova laboro en graflando *Leicestershire* estis multe pli bona. Mi devis priatenti, kune kun junulo Davido, milojn da gekokoj. Mia ĉefa laboro estis manĝigi ĉirkaŭ 10.000 gekokojn, kiuj loĝis ne en kaĝoj, sed sur grandega kampo, kiun ili dividis kun ŝafoj kaj bovoj. Sur la kampo staris longaj vicoj da kokinaj dometoj. Tie la kokinoj dormis kaj demetis siajn ovojn. Audrey kaj mi loĝis en grandega domo apud tiu kampo. Ni havis du katojn, unu testudkoloran kaj alian nigran, kun kiuj mi ĉiam parolis Esperante, kaj igis ilin respondi en la sama lingvo.

Kolektante ovojn oni devas moviĝi tre malrapide, kaj tamen ne malŝpari tempon. Oni devas ĉiam surhavi nebrilajn vestojn, ĉar al kokinoj ne plaĉas brilaj koloroj. Almenaŭ ne niaj. Kelkaj el ili mem surhavas brilajn kolorojn, sed tio estas afero tute alia. Laŭ la bienisto, oni devus neniam ŝanĝi siajn vestojn.

Iun posttagmezon, kiam mi kolektis ovojn, dum Audrey helpis min, okazis io tre timiga. Kiam mi enmetis la manon en la neston por elpreni ovojn, mi tuŝis ion molan kaj varman. Ne estis la sama sento, kiun oni havas tuŝante plumojn. Timigite mi eltiris mian manon el la nesto kaj rigardis. Tie en la nesto kuŝis nia nigra kato dormanta ! Mi vekis lin, kaj li kuris hejmen antaŭ ol la bienisto povis vidi lin.

La bienisto estis tre malmoderna homo. Li insistis, ke oni nomu lin Sinjoro, liajn edzinon kaj bopatrinon Sinjorino, lian filinon fraŭlino, kaj lian bubaĉon, pardonu, filon, sinjorido. Daŭris longe antaŭ ol mi, stulta dano, kutimiĝis al tio. Precipe kiam la bubaĉo imagis, ke li estas Vilhelmo Tell, kaj provis pafmortigi la anasojn per sia pafarko. Mi estas tia homo, kiu pli amas anasojn ol mortigemajn bubojn. Sed al lia moŝto, tio ne gravis. Li ja vivtenis sin per la sufero kaj morto de bestoj.

Lia moŝto parolante kun mi ŝajnigis, ke li ne komprenas sian propran lingvon. Parolante kun mi li ĉiam petis la ĉefkokiniston, s-ro Paŭl Freeman, mi ĉiam ŝerce nomis lin "*poultryman*", ke li traduku por mi.

Naskiĝis nia unua filo. Audrey estis jam en la malsanulejo en "*Rutland*", la tiam plej malgranda graflando en Anglujo. Nun *Rutland* ne plu ekzistas. Ĝi fariĝis parto de Leicestershire. Mi estis en la lito kun miaj du katoj, la nigra kaj la testudkolora. Ili ŝatis la liton, ĉar en januaro estas ofte tre malvarme en Anglujo. Subite ni ĉiuj vekiĝis pro alĵeto de ŝtonetoj sur la fenestron. Sube antaŭ la domo staris Paŭl Freeman kaj Edward, la ordinara bonkora irlandano, ĉeflaboristo de la cetera bieno. Ili fiere anoncis al mi, ke al Audrey naskiĝis filo, ktp., kaj ke filo kaj patrino eĉ tre bonege fartas.

Mi invitis la du sinjorojn en la domon por trinki iom da teo, la nacian trinkaĵon de la britoj. Sed feliĉe ili tion ne volis fari, ĉar mi jam estis enlitiĝinta. Post klarigo al la du katoj, en Esperanto, kompreneble, ke al ili naskiĝis denaska Esperanto-frateto, ni ree endormiĝis.

La postan vesperon, post kiam mi estis kolektinta ovojn, kaj puriginta kaj pakinta ilin, mi kompreneble volis iri viziti Audrey kaj Markon Anglon en la malsanulejo en Rutlando. Nu, por iri al la ŝoseo necesis ke mi unue trairu du kampojn. Nebula estis la vetero, tre nebula, kaj ne estis facile ion ajn vidi. Enirinte la unuan kampon, mi sentis iun estulon apud mi. Palpante ĝin mi ekkomprenis, ke ĝi estas nenio alia ol *Turpin*, la grandega, griza ĉevalo, kiu tiras la ĉaron da kokinmanĝaĵo kaj ovoj por ni. Li amis min, ĉar li komprenis, ke mi estas ĉevalamanto kaj ne kruela, kiel tiom da aliaj bienlaboristoj. Li sin premis al mi kaj varmigis min.

*Daŭrigota* *Bob Felby*

# El Melburno

"Kelkaj Melburnanoj vespermanĝis kun Esperantaj vizitantoj ĉe la *ACMI Cafe* pasintan Sabaton. Ĉeestis Heather, Tristan, Esther, Peter, kaj Zhou el Ĉinujo kaj Michele kaj Jeff el NovKaledonio. Ni ĉiuj ĝuis la ŝancon interparoli kaj interkompreni unu la alian en nia bela kaj utila lingvo. *Heather Heldzingen*



